# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 28/03/2014 Cent kvindek oka eldono 29/03/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else


SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Veki intereson per taŭgaj temoj elsendo de la 22a de marto.



Por certigi la aperon de ĉiutage nova sonartikolo, mi devas ricevi kontribuojn de la kunlaborantoj kaj mi devas mem verki sonartikolojn. Kvankam mi ne devas fari tion ĉiutage, ĉar mi ja povas enretigi la ricevitajn sonartikolojn, mi kutime tamen devas mem produkti kvar ĝis kvin sonartikolojn en unu semajno.

Kaj ĉar estas tagoj, dum kiuj mi pro aliaj okupoj ne havas tempon por serĉi temon por sonartikolo kaj por prilabori trovitan temon, mi dum la ceteraj tagoj devas jam matene komenci traserĉadon de la interreta gazetaro pri taŭgaj temoj resp. artikoloj kiujn mi povas traduki kaj prilabori cele al publikigo en la ERR. Ktp. ,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,,

Kaj fine estas ankaŭ temoj kiuj pritraktas demandojn de nia malgranda tutmonda E-komunumo. Mi atente legas diskutojn en esperantlingvaj forumoj resp. artikolojn en la reto kaj jen kaj jen trovas ion interesan ankaŭ el tiu medio. Tamen tiuj temoj restas ĉi tie flanka afero, ĉar ni nepre devas orientiĝi eksteren, do al la ofte citata "ekstera mondo". Nur tiel ni povas veki intereson por nia afero, ĉar tiam ni povas kontribui ion al la progreso de la mondo.

Viaj ideoj kaj proponoj en tiu senco estas ĉiam bonvenaj.

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

**Vi estas invitata al Simpozio pri LINGVO KAJ EGALECO**

**Novjorko, mardo, 29 aprilo 2014** organizita de **La Studogrupo pri Lingvoj kaj Unuiĝintaj Nacioj**

kunlabore kun **la Universitato de Hartford** kaj la **Centro pri Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj**

**The Church Center**

**777 United Nations Plaza, New York, New York**

Aliĝo antaŭ la dato: $25 Surloka aliĝo: $30 Pliaj detaloj, inkluzive aliĝilon, ĉe www.languageandtheun.org

*Karaj!*



Antaŭ du, aŭ verŝajne eĉ tri semajnoj, okazis "demokratia" baloto en la "demokrata" ŝtato Sudaŭstralio ! Ĉi tie, en la ŝtato de demokratio, oni ne rajtas ignori la balotadon. Se oni ne balotas, oni devas pagi 50 dolarojn al la registaro. Tio estas la aŭstralia kompreno de la vorto "demokratio". Komprenu tion, kiu povas. Mi ne povas !



Nur hieraŭ, dimanĉon la 23-an de marto, la diktatoroj de nia demokratio finis la kalkuladon de niaj balotiloj kaj finfine anoncis, ke la Laborista Partio gajnis konkerinte la Liberalan Partion. Granda ĝojo en tuta Sudaŭstralio, ĉu ne?



Ankaŭ mi tre ĝojas. Loĝante en ekskolonio brita ni ja ankoraŭ adoras nian amatan reĝinon, kiu loĝas en Londono kaj kiun oni neniam vidas en Sudaŭstralio. Sed mi, ĉar feliĉe mi ne estas denaska brito, mi estas io multe pli bona, mi estas denaska mondcivitano, mi proponas, ke ni adoru anstataŭ la reĝinon la britan heroon Robin Hood, kiu loĝis en la Sherwood arbaro proksime al Nottingham. Mi konfesas, ke mi bone scias, ke li neniam vivis, sed tamen li vivas en la mensoj de la plej multaj el ni.





Lia filozofio estis, ke oni prirabu la riĉulojn kaj donu al la malriĉuloj. La filozofio de la liberaluloj, almenaŭ la aŭstraliaj liberaluloj, ŝajnas esti prirabi la malriĉulojn kaj doni al la riĉuloj.



Ni do ek de nun esperu, ke la venontaj kvar jaroj estos pli bonaj por ni ĉiuj vivantaj ĉi tie en Sudaŭstralio, ĉu ne? Mi scias, ke ni jam multajn jarojn havas Laboristan registaron. Tio estas bona por ŝtato konsistanta el laboristoj kvankam la plej multaj el ili ne plu estas laboristoj sed senlaboruloj. Ni vidu kion nun faros la Laborista Partio por la sudaŭstralia popolo. Ni scias jam bone, eĉ bonege, kion farus la Liberala Partio, se ĝi estus gajninta la rajton diktatori ĉi tie !

*Multajn salutojn de Bob Felby*

# Bahasa Indonesia



Mia Probus klubo "libra grupo" elektis la libron "The year of living dangerously" kiu estas verkita de C J Koch por tiu monato.




Ĝi eldoniĝis en 1978 kaj temas pri la urbo Jakarta dum 1965, la jaro kiam Suharto puŝis Sukarnon el povo. Koch uzis la vorton "bahasa" por indiki la lokan lingvon. Tiu mistifikis min, do mi serĉis tra la reto kaj trovis artikolon pri "Bahasa Indonesia" de Edwin Burg. Ĝi eldoniĝis en Esperanto U.S.A. 1994(1). Bahasa signifas "lingvo". Komparu riveron 'Avon' kiu signifas 'rivero Rivero".

Koncize: La Indonezia lingvo nun estas parolata tra Indonezio. Ĝi devenis el Malay kaj estis modifita de C. A. van Ophuijsen en 1908 kaj evoluis per komitato dum 1928-9.
La unua libro de gramatiko nomiĝis BAHASA MALAYU PASAR.

"Li certe estis inspirata el la simpla strukturo kaj gramatiko de Esperanto" opinias la aŭtoro de la reta artikolo. Li diris ke tio estas okazo de sukcesa desegnata lingvo.

Henry Broadbent

# Owen Loneragan, atingis sian 90-an naskiĝdatrevenon



La 26-an de marto 2014, Perth-a Esperantisto (jam tiom longe kiom mi mem - 1970-2014), **Owen Loneragan**, atingis sian 90-an naskiĝdatrevenon. La antaŭan dimanĉon la 23-an, parencoj kaj geamikoj festis la okazon en la belega domo de la filino Kerry kaj bofilo Darryl. Ĉeestis 80 homoj; 90 estis invititaj, sed kompreneble ne ĉiuj povis veni. Kelkaj el la partoprenantoj veturis de la orienta marbordo. Inter la ĉeestantoj ankaŭ estis pluraj Esperantistoj. Post granda manĝ- kaj likvaĵo-regalo, kaj multege da babilado, ni aŭdis omaĝparoladon fare de unu el la du filoj de Owen. Respondis la 90-jara junulo. En tiu dankesprimo li parolis pri sia vivo: li ne menciis la jenajn, sed la modesta Owen estis radio-funkcianto en bombaviadiloj, bazita en Anglio dum la 2a Mondmilito; li estis prezidanto dum 1982-85 de UNAA en Okcidenta Aŭstralio kaj estas Dumviva Ano de ELWA. Inter aliaj temoj, li aludis al la estonteco de la nunaj Aŭstraliaj gejunuloj kaj forte esprimis sian opinion, ke la help-lingvo Esperanto estus por ili treege utila. La naskiĝtaga kuko estis en la formo de kvin pinta stelo, kovrita per verda sukeraĵo. Ni gratulas al Owen kaj deziras al li pliajn sano- kaj feliĉoplenajn jarojn.

CITY of PERTH



Amike Vera Payne

VIDU PAĜON 4 POR LA FOTOJ

## SENDU NOVAĴON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

# La Adelajda Esperanto-klubo.

La adelajdanoj laste kunvenis la 5-an de marto por havi sian jarkunvenon. Ĉeestis ĝin 9 personoj. Sume la agado de la pasinta jaro estas ne malmulto, sed nia membraro ne plimultiĝas. Por ĉi-jaro ni planas po unu kluba kunveno kaj unu aparta E-aranĝo monate.



Amike,
Katja Steele

## 18. (La gramatiko de E.). La Voĉoj. A.



La malmoderna lingvismo dividas la Aspektojn de la Verboj en kvar t.n. "Voĉojn" (pli bona nomo estus "Aspektoj", dum la t.n. Aspektoj nomiĝu Voĉoj), da kiuj nur tri estas Voĉoj. La kvara, en Esperanto reprezentata de la Sufikso "-ig-", ne estas Aspekto (do ne Voĉo), sed simple Kaŭzativo.

Por imagi al vi la Voĉojn, vi prenu unutuban lornon kaj rigardu al pentraĵo en kiu maldekstre staras viro kun bastono en la mano, kiu bastono iras al la dekstra parto de la pentraĵo, kie estas hundo kiu ricevas la batojn de la bastono. Vi do komencas vidi kaj diri la viron, post tio la batadon per la bastono, kaj laste la hundon. Rigardi la agon en ĉi tiu sisekvo, el maldekstre al dekstre, nomiĝas la Aktiva Voĉo.

Post tio vi rerigardas la bildon, sed vi rigardas unue dekstre kaj vidas kaj diras, ke la hundo ricevas batojn per bastono kaj ke la batoj originas ĉe la viro. Rigardi en tiu sisekvo, de dekstre al maldekstre, do el de la hundo al fine la viro, nomiĝas la Pasiva Voĉo.

Marcel Leereveld.

# Ĉu vi deziras perfektiĝi en Esperanto,

studante sub gvido? Baldaŭ okazos en Interreto nova kurso, gvidata de sperta universitata instruistino. Lecionoj realtempaj, 1-foje semajne. Kurso por progresintaj esperantistoj el ĉiuj landoj de ĉiuj kontinentoj. Pri la kurso:
http://goo.gl/T9po2W (aŭ https://docs.google.com/document/d/11tZd-r470uOjg1I5lwmkf9rkCwD-Ys5Tu7s8WctPTwQ/preview )
Se vi studis la priskribon de la kurso kaj decidis aliĝi, bv. skribi tre baldaŭ al la retadreso:
esperanto.instruado.jag.univ.pl@gmail.com .

Amike
Maria Majerczak
E-instruistino,
**Jagelona Universitato**

# Kalendaro kun laŭtema bildvortaro por lernantoj de Esperanto:

**Szilvasi Laszlo / Lingvo-Studio, LS**

http://s3-eu-west-1.amazonaws.com/lingolia/calendar/2014/lingolia_2014_eo.pdf

Eble indus aperigi la informon pri la kalendaro de tiu ĉi mesaĝo.

Amike,

Katja Steele




**KORPOPARTOJ (1)**

1. kapo
2. mano
3. brako
4. brusto
5. ventro
6. kruro
7. femuro
8. genuo
9. dorso
10. postaĵo

Lingolía
SIMPLE PLI BONE EN LINGVOJ

WWW.LINGOLIA.COM

**Januaro 2014**

(Kopio de la Januara paĝo el la kalendaro)

Xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Du flanka **Flago** por viaj kunvenoj




Presu paĝon 7 kaj kunmetu

Roger Springer

